


*Ĉef-redaktoro*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe,
27-29, 9° C.
ES-50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández

**Federación Española de Esperanto**
**(Información y administración)**

**Hispana Esperanto-Federacio**
**(Informado kaj administrado)**

**Rodríguez San Pedro 13-3°-7**
**ES-28015 MADRID**
Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Marcos Cruz Martín
*Vicprezidanto*: José Mª Galofré Domingo
*Vicsekretario*: (provizore vaka)
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)

*Kovrilo:* Famaj turoj "Serranos" en Valencio.
*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

# La Ĝenerala Ordinara Kunsido de HEF

La 28-an de julio 1993, en la Instruista Lernejo de Valencio, tre proksima al la Muzika Palaco sidejo de la UK kaj je la 10-a matene, okazis la Ĝenerala Kunsido de HEF kun ne tro alta partopreno de HEF-membroj.

Unue, la prezidanto s-ro Antonio Alonso Núñez, legis la raporton pri la pasintjara kunsido, kiu estis unuanime aprobita.

Tuj poste oni legis kaj aprobis Konto-Etaton de la Libro-Servo, alian de la Centro-Oficejo kaj la Ĝeneralan de la Kasisto, prikomentitajn de la prezidanto, kiu ankaŭ devis respondi al diversaj sugestoj kaj demandoj de kelkaj el la kunvenintoj pri la deficito de la Kongreso okazinta en La Laguna kaj pri kelkaj aspektoj de tiu pasinta en Merido.

La komentoj helpis al la eventualaj organizantoj de la venonta kongreso en Torrox (Malago) trovi respondon al certaj prifinancaj temoj. S-ro Aragay proponis, por eviti deficiton, fari buĝeton de planitaj elspezoj antaŭ ĉiu kongreso kaj per ĝi kalkuli la aliĝ-kotizojn. S-ro Gutierrez Adúriz proponis siaflanke, plialtigi la kongreskotizojn, jam sufiĉe malaltajn kaj forigi la senpagajn servojn, kiujn foje ricevas la kongresanoj (ekz. ekskursoj, vizitoj, ktp.) Kaj teknike, li proponis organizi Seminarion por organizantoj de kongresoj, por instrui al ili prepari buĝeton, bilancojn, aŭ pretigi dokumentojn por oficialaj demarŝoj, tiamaniere ke *ĉiujare oni ne ripetu similajn erarojn*. La prezidanto proponis la organizadon de la nacia kongreso en 1995 en Santandero, sed s-ro Gutierrez Adúriz en la nomo de Kantabra Esperanto-Asocio rifuzis tiun proponon. Gvidantoj de tiu Asocio kaj la prezidanto konsentis komenti la temon aparte, neoficiale.

S-ro Cruz skizis la nunan staton de la HEF-Oficejo post du jaroj da moderniga laboro, kaj resumis la ĉefajn spezojn pri ĝi, laŭ lasta detala raporto prezentita al la estraro la 16-an de januaro. Li menciis, ke du/tri homoj plulaboras surloke du vesperojn ĉiusemajne, ke la Centro jam estas tute preta laŭ aspekto kaj rimedoj por kursoj, vizitantoj, informistoj kaj HEF-administrado. Kaj li aldonis, ke la oficejo jam ekvivas pere de siaj propraj servoj, precipe kursoj, kaj tial oni jam komencis repagi ŝuldojn de la pasintaj du jaroj. Pri tio oportune raportos "*Boletín*" ĉiujare.

Venis en la vico de la tagordo la punkto pri studo de HEF-kotizoj. Post debato pri necesa plialtigo de tiuj kotizoj, oni konsentis konfirmi la nunajn kategoriojn kaj asigni al ĉiu el ili kvanton laŭ la listo, kiun troviĝas fine de ĉi raporto, kaj ekvalidas de 1-1-1994.



La HEF-Kasisto s-ro Bernabeu konfirmis la Konto-etaton aperintan en la lasta "*Boletín*" iranta de la 1a de januaro ĝis la 31a de decembro 1992, kiel konsentite en la Merida kongreso, t.e. laŭ natura jaro. Tiuj kontoj estos eventuale aprobitaj en la estrara kunveno okazanta ĉiujare en januaro. S-ro Bernabeu atentigis pri la fakto, ke kelkaj Esperantaj Grupoj sen rezonebla ekspliko pagas kotizon de individua membro anstataŭ la koncernan *Asocia*. Oni konsentis solvi la problemon je nivelo estrara.

Ankoraŭ profundigante pri financoj, la prezidanto informis, ke pli ol unu fojon li mem sin turnis persone al Esperanto-Fondaĵo Soler por ricevi informojn pri ĝia agado, sed neniam li ricevis respondon. La prezidanto do proponis, ke HEF esploru, kiel jura instanco, kia estas la situacio de Esperanto-Fondaĵo Soler, ĉar ŝajne ĝi disponas pri grava kvanto da mono kiu en neniu kazo estas uzata por Esperanto. Rilate nian propran Fundación, la prezidanto petis al s-ro Gutierrez Adúriz prezenti al la HEF-estraro projekton pri funkciado kaj celoj aprioraj de tiu institucio. S-ro Adúriz proponis komenci kampanjon per "*Boletín*" por kapti tiujn esperantistojn, kiuj foje povas donaci iom da mono por specialaj celoj kaj esperantistaj projektoj. La proponoj estis aprobitaj.

La prezidanto informis, ke dum la HEF-estrarkunveno okazinta en Madrido la 16an de januaro 1992 oni aprobis nomumi Honorajn Membrojn de HEF Prof. Juan Régulo Pérez kaj Salvador Gumá Clavell. La propono estis aprobita de la estraro, sed oni konsentis prezenti ĝin por koncerna ratifo en la Ĝenerala Kunsido, t.e. hodiaŭ. Unuanime oni aprobis tiujn honoradojn.

S-ro Camacho sugestis, ke estonte HEF ankaŭ devus nomumi nian samideanon Fernando de Diego Honora Membro de HEF, ideo kiu estis simpatie akceptita.

Oni donis la premion Klara Zilbernik al sinjorino Jozefino Girona, edzino de samideano Salvador Aragay. La omaĝata virino ricevis la premion kaj florbukedon de

manoj de sinjorino Figuerola. Ambaŭ estis tondre aplaŭditaj!

Venis en la tagordo-vico la momento por informado pri la agado de nia estraro. La prezidanto esprimis sian bedaŭron ĉar ne eblis eldoni hispanlingvan informilon pri Esperanto, kaj li proponis alternativon: fari originalon esperantlingvan kaj sendi ĝin al ĉiu esperanto-asocio, tiel ke la lokaj grupoj dissendu la tradukon al siaj membroj. S-ro Camacho proponis tiurilate, ke pli bone la tradukojn faru kompetentaj personoj kaj ili revenu poste al la HEF-oficejo por unueca kaj kongrua kompostado, kaj kuna sendado al ĉiuj HEF-anoj laŭ la lingvo elektita. Ĉiuj konsentis kun la propono.

La prezidanto informis ankaŭ pri la malsukceso de nia peto al la koncerna ministerio por ricevi la servojn de konscienc-objetantoj, ĉar ŝajne oni akceptas nur petojn de grandaj plej gravaj instancoj, kiel "Ruĝa Kruco" kaj similaj. S-ro de las Heras informis, ke en la Universitata Esperanto-Grupo "*Rossetta Ŝtono*" laboras konscienc-obĵetantoj, pri kies engaĝoj okupiĝas s-ro Macanás. Kvankam ŝajne tiu afero dependas de la Universitato, ne de la Esperanto-Grupo, la prezidanto petis detalajn informojn pri la afero por daŭrigi tiun projekton. La Raporto pri la estrara agado estis aprobita kaj oni ripozis iomete antaŭ ol komenci la Eksterordinaran HEF-Kunsidon.

Rilate la organizadon de venontaj kongresoj: Definitive, Andaluzia Esperanto-Unuiĝo prenas sur sin la respondecon kaj la taskon organizi la venontan Esperanto-kongreson en 1994, ne en Torrox, kiel oni intencis, sed en Malago mem. En venontaj numeroj de "Boletín ni komentos ĉi-temon pli amplekse.

## Kotiz-tabelo por 1994

| | |
|---|---|
| Ordinara Membro (OM): . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 3.000 ptoj jare. |
| Emerita Membro (EM), Juna Membro (JM) aŭ Senlabora Membro(SM): . . . . . . . . . . . . . . . . . | 2.250 ptoj jare. |
| Asocia Membro (AM), (por Asocioj de HEF): . . . . . | 6.000 ptoj jare. |
| Speciala Abono (SA), dek ekzempleroj de de ĉiu numero de "*Boletín*": . . . | 15.000 Ptoj jare. |
| Dumviva Membro (DM): . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 200.000 Ptoj. |
| Abono por eksterlandanoj: . . . . . . . . . . . . | 50 Ngld. aŭ egala valoro. |

# La Eksterordinara HEF-kunsido

Ĝi komenciĝis je la 13a horo kaj la prezidanto Alonso esprimis sian malkontenton pro la malmulta laboro farita de la lastaj vicprezidanto kaj sekretario s-roj Franco kaj López, de Seviljo. Li mem persone preferas ne plu resti kiel HEF-prezidanto, ĉar aliaj gravaj esperantistaj projektoj plenplene devos okupi lian tutan disponeblan tempon, tamen se neniu alia kandidato sufiĉe kompetenta sin prezentas li okupos, malgraŭ sia propra opinio, la postenon. En tiu senco li proponis al la kunsidantoj s-ron Camacho por prezidanto de HEF, pro tio ke li estas juna, loĝas en Madrido, estas kompetenta kaj, estiel akademiano, li havas prestiĝon por reprezenti la Federacion. S-ro Camacho rifuzis mem la proponon pro siaj aliaj Esperanto-taskoj, troa juneco, senlaboreco kaj nestabila vivo-situacio. Tiam, la prezidanto prezentis jenajn kandidatojn por eventuala aprobo:

Prezidanto: Antonio Alonso Núñez, de Santiago de Compostela.
Vicprezidanto: José Mª Galofré Domingo, de Sabadell.
Sekretario: Marcos Cruz Martin, de Madrido.
Vicsekretario: (provizore vaka).
Kasisto: José Mª Bernabeu Franco, de Callosa de Segura.
Ĉef-redaktoro de "*Boletín*": Antonio Marco Botella, de Zaragozo
Libro-Servo: Luis E. Hernández Garcia, de Valladolid.

La proponitan estraron oni elektis unuanime.

*Laŭ informoj de Marcos Cruz kaj José Mª Bernabeu*

## NOTO DE LA REDAKCIO

Kun bedaŭro ni komunikas al la sendintoj de artikoloj al nia Redaktejo, s-roj A.Solís, L.Sánchez kaj Marcos Garcia, ke ni decidis ne publikigi iliajn respektivajn artikolojn en "Boletín" kontraŭ certa *etnisma rezolucio* kiu aludas nian Federacion, publikigita en diversaj E-revuoj. Ni decidis tiun nepublikigon ĉar:

1. HEF havas kiel bazan celon, la disvastigon kaj uzon de Esperanto kaj ne havas ian ajn difinitan politikan ideologion aŭ kredon, tial, kiel signon de respekto al la diversaj opinioj de siaj membroj devas montri ĉiam neŭtralan politikan sintenon.

2. "*Boletín*", kiel organo de HEF, devas sekvi saman neŭtralan politikon ol tiu de la Federacio, tial ĝi ne devas montri politikajn inklinojn. Tial, ni

decidis *ne publikigi* la cititajn artikolojn, ĉar ili estas replikoj kontraŭ la menciita politika rezolucio.

3. Nur la HEF-prezidanto, institucie, replikis en "*Boletín*" tiun rezolucion, kaj tio, evidente, signifas, ke ni ne devas nin lasi envolvi en teruran galimation kun replikoj kaj kontraŭreplikoj kontraŭaj al niaj neŭtralaj principoj.

Pro samaj motivoj je tiuj supre indikitaj, ni *ankaŭ ne publikigos* alian artikolon de H. Alós, repliko al la repliko de nia prezidanto Alonso, ĉar krom aldoni nenion novan al la argumentoj de tiu sensenca rezolucio, li jam publikigis ĝin en alia revuo.

S-ro Alós estas sufiĉe inteligenta por ne scii, ke la kulturo kaj lingvo en Valencilando estas de antaŭ jarcentoj ne ununura. Fakte, la kastiliparolantoj estas la malpli granda lingva minoritato en la Valencia Komunumo, do formuli rezolucion kontraŭ la malpli fortaj en la nomo de "etnismaj" principoj ŝajnas bedaŭrinda sarkasmo. Negi niajn legitimajn lingvajn rajtojn en nia propra Valencilando fare de ne valencianoj havas alian kvalifikon pli rigoran... sed ni lasu la aferon, ja "redemptistoj" neniam mankis en politikaj medioj! Ni do nur bedaŭre konstatu, ke tiuj kiuj hieraŭ batalis por justaj minoritataj rajtoj, hodiaŭ provas premegi aliajn.

Nu, amiko Alós, se vi sendas al mi beletrajn aŭ priesperantajn artikolojn, plezure mi publikigos ilin en "*Boletín*", sed bonvolu kompreni, ke mi ne estas preta helpi vian politikan kampanjon, eble respektindan, sed ne koheran kun nia celo.
Al tiu triopo unue menciita, kaj ankaŭ al s-ro Alós, sendintoj de artikoloj al tiu ĉi Redaktejo, mi petas senkulpigon, sed mi devas plenumi mian devon. Dankon.

*Antonio Marco Botella*

---

# La oficiala antaŭkongreso

Kiel anoncite, de la 20a ĝis la 23a de julio okazis en Katalunujo la Universala Antaŭkongreso de Esperanto, oficiale organizita reprezente de UEA de "Barcelona Esperanto-Centro" en kunlaboro kun preskaŭ ĉiuj Esperanto-Centroj de Katalunio.

Pli ol cento da eksterlandaj gesamideanoj partoprenis en tiuj aranĝoj. Giordano Moya brile prelegis en unu el ili pri la temo "*Naciismo kaj Esperantismo*", kun sekva debato, post kies finiĝo oni disdonacis al ĉiu ĉeestanto ekzempleron de la verko de la preleganto "*La Homa Vivaventuro*".

Speciale interesaj pro la propaganda resono inter la loĝantoj estis la vizitoj, krom tiu de Barcelono-ĉefurbo, ankaŭ tiuj al diversaj urbetoj dum la tuttaga ekskurso okazinta la 22an de julio, ni citu kiel unu el la plej elstaraj tiun al Sant Pau d' Ordal, kie post koncentriĝo antaŭ la loka strato Zamenhof alparolis la vizitantojn la direktoro de la Hispana Esperanto-Muzeo s-ro Luis Mª Hernández Yzal kaj la urbestro s-ro Antono Casanovas, tiu ĉi lasta simultane tradukita de la prezidanto de la Antaŭkongreso s-ro Salvador Aragay. Tuj poste, ĉiuj partoprenintoj kuniris ĝis la apuda citita Muzeo, pri kies interesaj kolektoj ĉiĉeronis la Direktoro mem s-ro Hernández. La vizitantoj, kiuj estis agrable impresitaj pro la abunda riĉoenhavo de la Muzeo, estis malavare regalataj per apetitiga lunĉo.

La ekskursantoj daŭrigis la itineron post plaĉa ripozo ĝis la impona montaro Montserrat, kie oni tagmanĝis kaj vizitis la monaĥejon kaj la belegan naturan parkon, impresa loko kie la naturo skulptis per rokoj gigantajn figurojn fantaziajn... La duaŭtobusa karavano haltis en la urbo Sabadell, en kies bulvardo Zamenhof, ĝuste antaŭ la monumento al la Majstro, la loka urbestro s-ro Antono Farrés akceptis tre afable la vizitantojn kaj dediĉis al ili tre simpatian paroladeton, simultane tradukitan de s-ro Aragay. Ankaŭ intervenis la prezidanto de KAE s-ano José Mª Galofré, kiu emfazis la plezuron de aŭtoritatoj kaj esperantistoj de Sabadell saluti ilin, kaj li substrekis la fakton, ke tiu Bulvardo Zamenhof estis la unua strato dediĉita en la tuta mondo al la Majstro, jam en la jaro 1912, kiel ĝuste indikas "*Enciklopedio de Esperanto*". Post tiuj paroladetoj, la Sabadell-a samideanino Mónica Valldosera, tipe vestita kiel "*Klerecreĝino Esperanto 1993*" lokis belan florbukedon sur la piedon de la Monumento, kiu krome ankaŭ estis ornamita per la verdastela

standardo de KAE. Oni devas mencii, ke la ĵurnalo "*Diari de Sabadell*" plurfoje anoncis tiun viziton kaj publikigis fotojn kaj intervjuon al s-ro Salvador Aragay.

Post ne longa promenado tra Sabadell oni reveturis al la municipo Castellbisbal, proksima al Barcelono, kie la aŭtoritatoj komplimentis la vizitantojn, kaj ĉiuj ili piediris ĝis moderna kvartalo, kaj en strategia okulfrapa loko meze de instituciaj belaj konstruaĵoj, oni metis ŝtonplaton bele ornamitan per la blazonŝildo de la urbo kun la katalunlingve mencio "*Strato Esperanto, Lingvo Internacia*". La urbestro de Castellbisbal, s-ro Johano Playá, faris koncizan paroladeton en la momento de la inaŭguro de tiu strato kaj instigis la esperantistojn strebadi en la nobla celo por internacia paca lingvo. Respondis al la urbestro, krom s-roj Aragay kaj Galofré, ankaŭ reprezentantoj de Israelo, Svedio kaj Japanio. Fine, ĉiuj kunvenintoj ĥore kunkantis "La Esperon".

Post la stratinaŭgura ceremonio la vizitantoj sin direktis kolektive ĝis la loka centro "*Casal Cultural Recreatiu*", en kies festsalono oni regalis ilin per rafinita kolaziono, konsistanta el delikataj sandviĉoj kaj dolĉaĵoj, kun ĉampano, likvoroj kaj aliaj diversaj trinkaĵoj.

La postan tagon, 23an de julio, la gekongresantoj rendevuis en Sant Cugat del Vallés, kie ili vizitadis, inter aliaj vidindaĵoj, la urban bibliotekon, antaŭ ne longe inaŭguritan, enhavantan tre interesan Esperanto-librofakon kaj ili vizitis ankaŭ la straton Esperanto, kvazaŭ reinaŭguritan, ĉar oni metis en ĝi novan artan ŝtonplaton. Fine, en la loka "Kulturdomo" okazis la solena fermo de tiu UEA-Antaŭkongreso. Intervenis gesamideanoj Trini Garcia, Milan Sudec, loka magistratano kaj reprezentantoj el Israelo, Japanio, Svedio kaj Koreio. La kunvenintoj redaktis, kaj kiel fino de tiu solena fermo legis, la sekvan kvinpunktan Deklaracion:

"La gepartoprenantoj de la UEA-Antaŭkongreso organizita en Barcelono kaj okazinta de la 20a ĝis la 23a de julio 1993 kadre de la 78a UK interkonsentis diskonigi jenan Rezolucion:

1) La subskribintoj de la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj devas nepre respekti ĝin. La individuaj homaj rajtoj en la tuta mondo estas ankaŭ en kompleta akordo kun la celo de la Interna Ideo de Esperanto.

2) Ĝia tria artikolo tekstas: ĉiu homo havas la rajton pri vivo, libero kaj persona sekureco. Pro tio ni publike protestas kontraŭ ĉia perforto.

3) Ni apelacias al la Internaciaj Instancoj uzi siajn influon kaj povon por ĉesigi la teruran kaj sovaĝan militon en la eks-Jugoslavio kaj en aliaj landoj, kie

ĉiutage pereas homoj, inter ili infanoj.

4) Ni protestas kontraŭ ĉia diskriminacio, ĉu lingva, kultura aŭ religia, kaj precipe kontraŭ la "etna purigado". Ĉiu etna grupo rajtu havi siajn proprajn kulturajn valorojn.

5) Ni, pli ol cent gepartoprenantoj en tiu ĉi Antaŭkongreso, venintaj el diversaj kontinentoj kaj landoj, kun malsamaj haŭtkoloroj, religioj kaj naciaj lingvoj evidentigas, ke per la Internacia Lingvo Esperanto ĉiuj baroj saltas for, kaj oni povas kunvivadi en amikeco, toleremo kaj paca etoso".

Post tio, la aŭtobusa karavano refoje ekveturis survoje al Valencio.

*Laŭ informoj de:*
*V.Hernández Llusera*

---

# Ramón del Valle-Inclán nun en Esperanto



HEF trafis denove! Jes, subite, tute ne atendite, ĝi prezentis la sesan numeron de la kolekto "Hispana Literaturo", okaze de la Universala Kongreso en Valencio. Kaj... kia surprizo! Ĉi foje venis la vico al mita romano de la hispana literaturo: "Tirano Banderas" de Ramón del Valle-Inclán.

En ĉi romano pri amerika diktatoro, Valle-Inclán beletre disvolvas sian literaturan eltrovon *esperpento*. Fakte, kiel diras Antonio Valén en la Enkonduko, en "Tirano Banderas" la aŭtoro ikonoklastas kaj amare diskrias sian malakordon kun la socio per rid-eksplodo finfine nur larmo-vuala.

La traduko de "de Diego", bonega, certe helpos multajn hispanlingvanojn plene kompreni tekston, kiu en la hispana originalo prezentas al normala leganto amason da malfacilaĵoj.

Nu, gratulon al HEF pro ĉi nova sukceso.

*M. Díez Zocato*

---



# solena malfermo

La prezidanto de UEA John Wells inaŭguris la 78an Universalan Kongreson de Esperanto okazintan en Valencio uzante retorikan originalan komparon de la esperantista idealo kun giganta paeljo*. Bongusta paeljo en la riĉeco de lingvoj, etnoj, kulturoj kaj religioj formante unuecan tuton konservante la proprajn karakterizojn: "Vi ne sukcesos fari bonan paeljon kun nur kuniklaĵo kaj helikoj, des malpli per nur salo kaj akvo", diris Wells. "Kiu volus, nome de iu pureco, uzi nur unu el la nepraj ingrediencoj, tiu fiaskus. La samon celas la Esperanta idealo: la popoloj formu unuecan tuton gardante sian identecon, fakte pro ĝi".

Post tiu komparo, la prezidanto de UEA kelkvorte trakuris la historion de la tria plej granda urbo de Hispanio, kiu, por ĝiaj arabaj konkerintoj, nomiĝis "urbo de ĝojo". Dezirante ke tia ĝi fariĝu ankaŭ por la esperantistoj. John Wells martele-frape malfermis la kongreson. Sur la podio frontis la 2000-personan kongresanaron la estraro de UEA; la ĝenerala sekretario Simo Milojeviĉ, la estro de LKK Augusto Casquero, la rektoro de la Internacia Kongresa Universitato Mª Rafaela Urueña, la prezidanto de HEF Antonio Alonso Núñez, la prezidanto de TEJO Saskia Izerda, kaj la enkondukanto de la kongresa temo "Kleriĝo por la 21-a jarcento", Duncan Charters.

Post la malfermo de Wells, salutis la kongresanojn s-ano Casquero, kiu emfazis: "la plej grava ero de la kongreso, kiel kutime, estos la koridoraj babiladoj kaj kafejaj konatiĝoj". La prezidanto Alonso atentigis pri grava atingo: laŭ lastatempa interkonsento kun la Hispana *Ministerio pri Klerigo kaj Kulturo*, ministeria observantino partoprenos la kongreson kaj verkos raporton. Sekvis salutvortoj de du kongreslandaj aŭtoritatuloj: parolis unue Jesus Huguet, Ĝenerala Direktoro pri la Lingva Politiko de la Valencilanda Registaro, kun samtempa traduko de Casquero, kaj sekvis s-ro Santiago Cerviño, Vicur-bestro de Valencio kaj Skabeno pri Kulturo, kiu malbezonis ĉi lastan, ĉar li kapablis direkti afablan paroladon en tute komprenebla, kvankam "papaga" esperanto.

Prezentiĝis ankaŭ la listo de ĉi-jare elektitaj honoraj membroj de UEA: s-roj Maertens, Bormann, Hernández Yzal, Nguyen, de Diego, Mandrik, Symoens kaj Hirsch.

Enkonduke al la kongresa temo, Prof. Duncan Charters reliefigis en sia parolado la gravecon de nova aliro al la demando pri klerigo por la nova jarmilo, kiu ebligus ke la novaj generacioj rompu la barilojn de la tradiciaj instruoj, kaj eklernu mem pensi pri la vojo kiu kondukos al unueco de la homaro, forĵetante la antaŭjuĝojn kiuj naskas konfliktojn kaj malpermesas la progreson. La esperantistoj mem devas konscii, ke necesas ne nur influi la mondpenson favore al esperanto, sed maturigi la kondiĉojn kiuj permesos la alprenon de tiu solvo de la problemo de internacia komunikado.



Sekvis salutvortoj de la prezidanto de TEJO, f-ino Saskia Izerda, kiu alvokis la kongresanojn superi la generaciajn barojn, kaj tute konkrete helpi la junulojn de Esperantio, t.e. ĝiajn estontajn membrojn kaj gvidantojn per, i.a., patroniĝo kaj abono al "Kontakto".

Poste salutis la kongreson reprezentantoj de la diversaj landoj: Unua salutanto estis Otto Prytz, kiu laŭ postulo de la "reĝisoro" Milojeviĉ, povis eldiri tute senverban saluton, kiun sekvis reprezentantoj de Kubo, Pollando, Brazilo, Aŭstrio, Kolombio, Italio, Danio, Ĉinio, Francio, Slovenio, Svedio, Ĉeĥio, Koreio, Angolo, Germanio, Aŭstralio, Hungario, Latvio, Svisio, Ukrainio, Israelo, Slovakio, Pakistano, Estonio, Portugalio, Nederlando, Irano, Rusio, Belgio, Luksemburgio, Kostariko, Hispanio, Ĉilio, Britio, Venezuelo, Kroatio, Kanado, Irlando kaj Usono.

Malĉeestis la albana reprezentanto, kiu tamen ricevis aplaŭdojn, same kiel nekongresintaj esperantistoj el Bosnio, Kamboĝo, Haitio kaj eĉ Somalio, kies eventualaj esperantistoj certe bezonas nian apogon.

La malfermo finiĝis per solena stara kunkanto de "La Espero".

*Laŭ informo en "Valencia Luno"*

*****

(*) Paeljo: Valencia plado konsistanta el rizo kaj diversaj viandoj, legomoj, helikoj kaj krustacoj kuiritaj en ofte grandega pato.

*Noto*: La Redakcio de "*Boletín*" esprimas publike sian plej sinceran gratulon al samideanoj Luis Mª Hernández Yzal, fondinto kaj direktoro de la Hispana Muzeo de Esperanto, kaj Fernando de Diego de la Rosa, unu el la homoj plej eminentaj de la Esperanta-beletro, ambaŭ amikoj tre estimataj en nia Redaktejo, kaj ambaŭ elektitaj ĉi-jare Honoraj Membroj de UEA.

Malfacile oni povus honorigi en nia Movado personojn laborantajn por nia afero pli ol S-roj Hernández Yzal kaj Fernando de Diego, ĉiu en sia respektiva parcelo. Certe iliaj servoj al nia Movado estas ja nekalkuleblaj. Gratulon do amikoj Luis kaj Fernando. Viaj meritoj flugas tre tre alten!

## NEKROLOGO

Malfeliĉon post malfeliĉo, alvenis al ni la malĝoja novaĵo, ke post la ĵusa forpaso de la edzino, nia bona amiko kaj samideano Sacramento Collado Llana, el Gijón, perdis ankaŭ sian filon Francisco-Javier, kiu forpasis la 28an de julio.

La Hispana Esperanto-Federacio sincere kondolencas nian karan samideanon Sacramento pro tiu nova dolora perdo.

# Salutoj de eminentaj homoj

**Papo Johano Paŭlo la 2-a**

"Lia Papa Moŝto petas vin por ke tiu renkontiĝo de personoj el diversaj landoj, kulturoj kaj kredoj, parolantaj komunan lingvon, fariĝu atesto de la frateco kiu, sen ia ajn diskriminacio, devas regi inter ĉiuj homoj kiel membroj de la granda familio de la filoj de Dio; kaj por instigi personan kaj kolektivan kompromison konstrui la pacon en siaj opaj devenlokoj.

Por tiuj ĉi deziroj kaj alvokante la Dian protekton al la agadoj de la kongreso kaj al iliaj partoprenantoj, Lia Papa Moŝto plezuras disdoni la tre sopiratan Apostolan Benon"

*Nome de la Papo,*
*G.B.Re*

**Boutros GHALI**
Ĝenerala Sekretario de
Unuiĝintaj Nacioj:

"Mi ĝojas informi al vi la dankon de la Ĝenerala Sekretario al via letero de la 24a de oktobro, ĉar li ĉiam tre estimas ricevi informojn pri organizoj kiuj, kiel la via, promocias la celojn de la Unuiĝintaj Nacioj.

La Ĝenerala Sekretario instige laŭdas la laboron de la Universala Kongreso de Esperanto kiu, per siaj valoraj agadoj kaj komuna lingvo, provas kunigi la homojn de la tuta mondo por interŝanĝo de ideoj kaj krei etoson de komprenemo.

Ĉi-kaze li deziras gratuli la partoprenantojn de la 78a Universala Kongreso de Esperanto kaj esperas ke tiu estu plej sukcesa.

Estime via

*Erik JENSEN*
*Direktoro kaj Vic-Generala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj*

**Francisco MAYOR Zaragoza**
Ĝenerala Sekretario de UNESKO:

"Estas kun granda plezuro, ke mi varme salutas partoprenantojn en la 78a Universala Kongreso de Esperanto. UNESKO taksas aparte gravaj siajn rilatojn kun la neregistaraj organizaĵoj, kiuj reprezentas la mondan komunumon de pensuloj -inter ili UEA- tial ke ni dividas komunan vizion de pli bona kaj pli egaleca mondo, kaj ke la neregistaraj organizaĵoj estas la naturaj kunagantoj de UNESKO je ĉiuj niveloj, tutmonde, kontinente kaj naciskale.

Speciale kontentiga por UNESKO estas via elekto de kongresa temo. Lastatempe UNESKO starigis internacian komisionon pri edukado por la 21a jarcento, kiun kunprezidas s-ro Jacques DELORS. Sojle de nova jarmilo, ekzistas malmultaj pli gravaj taskoj ol la kreo de eduksistemo responda al la multoblaj kaj interligitaj de integriĝanta monda socio, inkluzive de la konsciigo pri la nepra neceso, ke la homoj lernu kunvivi en rondo familia kaj en ekvilibro kun la tera ekologio. Mi certas, ke viaj diskutoj, faros valoran kontribuon al tiu proceso kaj mi danke ricevus raporton pri via kongreso, kiun mi volonte disponigos al la Komisiono DELORS.

Mi deziras al ĉiuj partoprenantoj plej agrablan restadon en Valencio, kaj certigas vin, ke UNESKO alte taksas viajn klopodojn kunkonstrui tian mondon, en kiu la kultura diverseco ne malhelpas pli vastan unuecon pri la sorto de la Homaro"

*F. MAYOR Zaragoza*
*Ĝenerala Sekretario de UNESKO*

**Camilo José CELA**, Nobelpremiito pri Literaturo.

"Kun tiom da respekto kiom da estimo, mi salutas la partoprenantojn de la 78a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazas en Valencio, kaj al vi mi deziras la sukceson kiun vi meritas en via nobla celado provizi la mondon per komuna lingvo, kiu povu garantii pacon kaj konkordon

*Tre kore*
*Camilo José CELA*



**Jan KIENIEWICZ**,
ambasadoro de Pola Respubliko en Madrido.

"Estimataj gesinjoroj!

Mi transsendas miajn plej korajn salutojn al la partoprenantoj de la Universala Kongreso de Esperanto. Samtempe mi deziras fruktodonajn debatojn pri la efektivigo de la ideo de komuna lingvo necesa por la tiom dividita nuntempe mondo"

*Jan Kieniewicz,*
*Ambasadoro de Polio*

# Internacia Kongresa Universitato

La 46a sesio de la Internacia Kongresa Universitato plene sukcesis, ĉu pro la alta nivelo de la prelegintoj, ĉu pro la alta nombro de partoprenintoj.

La solena malfermo de la sesio, prezidata de D-ro Wells, prezidanto de UEA, komenciĝis per inaŭgura parolado de D-rino M.Rafaela Urueña, nunjara Rektoro de IKU, kiu rilate al la kongrestemo prelegis pri "*Kleriĝo por la 21a jarcento en la internaciaj rilatoj*", kaj asertis, ke tiu kleriĝo devas iri en tri direktoj: klerigo al internacieco, al toleremo kaj al paco. El centr-Eŭropa internacia juro, ni sukcesis munti tutmondan sistemon ene de Unuiĝintaj Nacioj, de senlima suvereneco ni iras al la agnosko de la propraj rajtoj de ĉiu popolo kaj scienco kaj teknologio ludas gravan rolon en nia ĉiutaga vivo.

Ankaŭ la toleremo estas necesa. La Valencia humanisto Luis Vives donis al ni ekzemplon pri tia konduto. Nova internacia ordo estas necesa por atingi la pacon, sed ĝi povas efiki nur se ĝi montriĝas demokrata, paca kaj justa, en la nova ekonomia internacia ordo, kaj por gardi la pacon kaj favori la ekonomian malvolvon, ni bezonas evoluigon de la internacia juro kiu solvos la opozicion inter la leĝa kaj la reala mondo.

Ankaŭ ene de la kongrestemo aliaj prelegoj okazis, tiel, D-ro Humphrey Tonkin, iama prezidanto de UEA kaj nuntempa rektoro de la Universitato de Hartford (Usono), prezentis la interesan temon "*Novan jarmilon, novajn universitatojn*", ĉar la metodoj kaj sistemoj uzataj ĝis nun en nia supera edukado frontas grandajn problemojn. La bezono eduki tiel vaste estas pli granda ol la lernkapablo de tre multaj homoj kaj la lern-maniero ŝanĝiĝas inter niaj pli junaj civitanoj, dum la universitato apenaŭ konscias pri ĝi. Do, oni devas trovi vojojn al la estonteco.

D-ro Mauro La Torre, el la Universitato de Romo, prelegis pri "*Personigitaj malĉeaj instrusistemoj*" kaj komparis la tradician instruadon kiam la lernanto kaj la profesoro ĉeestas en sama loko kaj en la sama tempo, kaj la nova instruado sen kun-ĉeesto de instruanto kaj lernanto. Li montris per bildoj, konkretajn ekzemplojn pri la kontrolo de tiu metodo.

D-ro Duncan Charters, el Usono, prelegis pri "*Kiel karakterizi la kulturon kaj literaturon de la hispanoj?*" Li prezentis klare kaj klerige la gravajn verkojn de la hispana literaturo, Cervantes, Calderón de la Barca ktp. kaj



*La spirito de Lorca ŝvebis super la IKU*

ĉefe ĝian enhavon je valoraj universalaj perspektivoj pri la digno kaj honoro de la individuoj kaj la vera idealismo, kiu prilumas la vojon de la homaro tra la obstakloj.

D-rino Marjorie Boulton, tre konata verkistino kaj membro de la Akademio de Esperanto, prelegis pri la "*Regula kontribuado al la Esperanto-kulturo: La vivo kaj verko de Juan Régulo Pérez*". Ŝi montris al ni la ĉiutagan laboron de nia karmemora D-ro Régulo, la abnegacion en la eldonaj aferoj, kaj la bonecon en lia vivo. Régulo, estis regula homo, ne nur pro sia daŭra laborado, sed ankaŭ ĉar li serioze okupis sin pri la reguloj de Esperanto kaj la Zamenhofa stilo, do li estis ne nur eldonisto, sed serioza rezencisto kaj eseisto. Do, iasence nekrologia prelego, sed plena realaĵo ĉar lia kontribuado al nia kulturo estis tia ke nenia troigo necesas.

Jam ekster la kongresa temo, S-ino Eva Bojaĝieva, prof. pri Kemio kaj Fiziko en Plovdig (Bulgario) prelegis pri *Ekvilibro kaj reguligaj mekanismoj en la homa organismo, kaj la influo de hormonoj kaj ĉeloj, por la sano.* La prelego strebis respondi la gravajn demandojn pri tio, kio okazas kiam la aĝo progresas aŭ kiam io minacas la bonan ekvilibron de la organismo.

S-ino Margaret Furness, Medicina doktoro el Aŭstralio, klare kaj per lumbildoj montris al ni la evoluon de fetoj en la sino de virino, kaj la gravecon de la ultrasondiagnozo, per prelego titolita "*larmoj de ĝojo, larmoj de turmentiĝo prifeta ultrasondiagnozo*". Ŝi montris la ĝuon de familio kiu vidas la normalan feton, sed la aflikton de patrinoj vidantaj malnormalaĵojn.

D-ro Michael Maitzen, astronomo kaj profesoro el Aŭstrio, prezentis al ni la interesan temon "*Kosmo kaj tero, la ekologia rilato*" kaj montris per lumbildoj, la rilaton inter la ekstertera sfero kaj nia terglobo, la kosmajn fenomenojn kaj ilian influon en la historiaj okazintaĵoj, la alvenon de

asteroidoj kiuj kaŭzis terglobajn ekologian katastrofon antaŭ 65 milionoj da jaroj, kaj la aktualan gravecon de la diversaj sciencaj branĉoj, kiuj okupas sin pri tiuj temoj.

Fine, sed ne malpli grava estis la tre ŝatata prelego de S-ro Miguel Fernández, el Hispanio, kiu metis antaŭ ni "*La spurojn de Federico Garcia Lorca*". Li montris per kleriga belega stilo, la vivon, morton kaj verkadon de la hispana poeto, kaj lian rilaton inter lia naskiĝloko, Granada, kaj lia vivepoko, la hispanaj dudekaj jaroj. La preleganto ilustris la paroladon per recitado de poemoj kaj per kantado de tradiciaj hispanaj kanzonoj, de Lorca kolektitaj kaj harmonizitaj, kiuj inspiris plurajn poemojn de la poeto.

Nu, tiel finiĝis la 46a sesio de IKU, kiu, unu plian fojon plenumis la taskon klerigi nin kaj kontribui al la internacia kulturo de Esperanto.

*M.R. Urueña*

---

# ESPERANTOLOGOJ KAJ EKSPOZICIO PRI HISTORIAJ TEMOJ

Antaŭ 100 personoj la prelegintoj de la 16a esperantologia konferenco traktis en du partoj diversajn aspektojn de la historiografio de Esperanto, en kiu ankaŭ bone lokiĝis la specifa hispana kontribuo: Humphrey Tonkin *Signifo de la historiaj studoj pri Esperanto*, Ulrich Lins *Direktoj kaj nunaj problemoj de la esperanta historiografio*, Rainer Noltenius *La neesperantista "Fritz-Hüser-Instituto pri germana kaj internacia laborista literaturo" en Dortmund/Germanio kun esperanta laboristmovada arkivo*, Hirai Yukio *Esperanto kiel batalilo: Verda Majo kaj generalo Mangada*, Juan Azcuénaga Vierna *La rolo de Esperanto kaj esperantistoj en la Hispana Intercivitana Milito*, Nikola Räsiĉ *Sociologiaj aspektoj de esperantaj historiaj studoj*, Luis Mª Hernández Izal (kiu ankaŭ povis prezenti la ĵus aperintan 132-paĝan "*Inventaro de planlingvaj periodaĵoj*") *La signifo de la Hispana Esperanto-Muzeo por historiaj studoj*, Detlev Blanke *Metodologiaj aspektoj de laboristmovadaj esploroj*.

Aparte interesa estis la 35-elementa multkolora ekspozicio en la kongreseja vestiblo "*Ilustrita historio de la laborista Esperanto-movado: Al la laboristoj en ĉiuj landoj unu lingvon!*" kiun senpage (kostoj por la instituto: 22 germ, m.) disponigis al la kongreso la supre menciita instituto (Ostenhellweg, 56-58, D-44135-Dortmund) kaj kiun petontoj povas prunte ricevi senpage kiel

migran ekspozicion. En la ekspozicio estis videblaj ankaŭ diversaj dokumentoj rilatantaj la hispanan historion kaj Valencion. Aperis krome 116-paĝa katalogo, dulingva (Esperanto kaj germana), havebla ĉe UEA, kun studoj kaj eseoj de Noltenius, Blanke, Weichmann, Prosko-vec kaj Lins (Esperantistoj en la Hispana Intercivitana Mi-lito).

La 17a konferenco, en 1994 en Seulo, eble traktos la temon "Azia rigardo al Esperanto".

*D. Blanke*

---




Kaj via bildo
—helblua birdo— fandas la glacion
en la mateno punca.
Dispuŝate
—tempestoj kaj forestoj—
ade far la libero,
poro
post poro sin amante,
febre
sin reciproke serĉas niaj korpoj.
Feniksis nia am' ankoraŭfoje:
nia kondamno.
Ree
disfendos ni la bruston de l' pasio,
pretaj ekstermi nin, forbruli ene
per la plej dolĉa fajro.
Senutilus
provi estingi ĝin:
fajrfont' eternas:
la braĝo nevidebla, kiu, ŝtele
sin transvivinte, pluas
en la plej eta larvo de l' deziro.
Ree la amo venkis.

Ree, venkita, vi, libero mia,
al mi etendas viajn lacajn brakojn,
ke mi, la perfidul' katenu ilin.
Ree la tempo stagnas,
benzoas la aero,
plezuroj krizalidas miahaŭte.
Ree feniksis nia amo
-ree!-
en ĉi mateno punca.

Puncas maten'.
Transturnas mi espere
la paĝon de l' disiĝoj.
Feniksis am'.
Klinadas mi la vazon
de niaj larmoj.
Puncas maten',
kaj vi, vestal' senvesta,
sidas krurplekte, sola kaj izola,
en via pacpagodo mistermeze,
kiel skulptaĵ' de sonĝo adoleska,
kaj tute ĉea
ĉe via origino.
Feniksis am'.
Vian talion zonas
delire dancaj rojoj
en la aprilo verda.
Aluvias
grapoloj de ameroj,
opaloj de amoroj karnaj,
konkoj
de amorvekaj pur' kaj ekvilibro.
Puncas maten',
vian konturon nimbas.
Kaj via silueto
fragila, svelta -cigno-, kontraŭlume
sendas al mi nimbo-radiojn tien,
kie la ĝojo-krio,
ĉar tiel retenata kaj ampleksa,
apenaŭ povas trafi sian sonon.
Feniksis am'.
Brakumo: flagra lumo,
el niaj enoj ŝprucas.



Vane forestoj faris
profundajn fosojn:
Plenas.
Ili plenplenas nun de nia amo.

Sonato por du korpoj: mi navigas
sulke sur via maro de stertoroj.
Jen mi kaj vi fariĝas ni aloje
kareso post kareso,
disgrajnigante l' ĝuon,
poiome...
Jen nia kuna fina konvulsio:
morto kaj viv' porcio de dieco.
Kaj kresko.
-Plu!-
Zeniten.
-Plu!-
Torento.

Jen mia mem' tremkante sin dekantas
en vin,
efluvas min la via.
Kaj ĉi osmoz' amora
fortrenas la pronomojn.
Kalmo.
Kalmo...

Prezenco absoluta.
Endas nur dreni l' koron je futuro.
Sentatas jena nun' definitiva:
feniksis nia amo puncmatene.

*Miguel Fernández Martín*

*Noto*: Ĉi verko ricevis honoran mencion en la 32aj Internaciaj Floraj Ludoj.



## Rezultoj de la Belartaj Konkursoj

**Poezio:**

**1a premio**: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro *Monologo kun Mediteraneo.*
**2a premio**: Miguel Fernández (Hispanio) pro *Iama am' aŭ sonĝo ĉiunokta.*
**3a premio**: Gonçalo Neves (Portugalio) pro *Metropulo.*
**Honora mencio**: Gonçalo Neves (Portugalio) pro *Lavistino fonta* kaj Miguel Fernández pro *Poeto.*
Partoprenis 57 verkoj de 20 aŭtoroj el 19 landoj.

**Prozo:**

**1a premio**: Miguel Fernández (Hispanio) pro *Ek al barikadoj!*
**2a premio**: Liven Dek (Hispanio) pro *Semo.*
**3a premio**: Gonçalo Neves (Portugalio) pro *Jozefo.*
**Honora mencio**: Miguel Fernández (Hispanio) pro *Esencen persense.*
Partoprenis 25 verkoj de 13 aŭtoroj el 10 landoj.

**Teatraĵo:**

**1a premio**: ne aljuĝita.
**2a premio**: Sten Johansson (Svedio) pro *Savboato.*
**3a premio**: Stefan McGill (Hungario) pro *Konvena rezulto.*
**Honora mencio**: Abel Montagut (Katalunio) pro *Don Kiĥoto eksterlande* kaj Sten Johansson (Svedio) pro *Heliko — aŭ podia diskuto pri la lingva evoluo de esperanto.*
Partoprenis 4 verkoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj.

**Eseo:**

**Premio Luigi Minnaja**: ne aljuĝita.
**Honora mencio**: Waldek Pastuszka (Polio) pro *Problemoj kaj eblecoj de ŝaradtaska kreado en esperanta lingvo.*
Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 3 landoj.

**Premio An-okin pri kanto**: Flávio Fonseca (Brazilo) pro *Babelturo* kaj Miguel Fernández, teksto, kaj Pedro Vilarroig, muziko, (Hispanio) pro la kantoj *Amtemo* kaj *Tarde.*
Partoprenis 9 kantoj de 5 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 5 landoj.

**Premio nova talento**: ne aljuĝita.
**Premio Infanlibro de la jaro 1992**: *Tiel do. Rakontoj por malgrandaj infanoj* de Rudyard Kipling; tradukita el la angla de Wouter F. Pilger. Eldonita de Vulpo-Libroj, Lelystad (Nederlando).
Partoprenis 2 libroj de 2 eldonejoj el 2 landoj.

# Deziras Korespondi



★ 12-jara knabo dez. kor. kun ĉiuj landoj. Bonvolu skrivi al mia adreso: Aleksandr Greenough Gorsky; Bloque Q 121, apto. 10, Distrito José Marti. Santiago de Cuba. KUBO.

★ Ankaŭ dez. kor.: Maria A. Gorskaia, Bloque Q 121, apto. 10, Distrito José Marti. Santiago de Cuba. KUBO.

★ 36-jara kuracisto, homeopato, homo multe amanta la muzikon dez. kor. pri hispanaj temoj kun hispaninoj 25-35-jara. Mia adreso: Fernando E.F. Santos; Av. Rio Bronco, 2588/304. Juiz de Fora. MG. 36.016-311. Brazilo.

★ 44-jara arbarkultura inĝeniero kaj eksiĥtiologo, kolektanto de bildkartoj, dez. kor. en Esperanto aŭ en la hispana. Bonv. skribi al la adreso: Vasilij Ribakov; Do Vostrebovanija, 613100 Slobodskoj, Kirovskkaja obl. Rossija. Rusio.

★ Kolektanto de bildkartoj, stampitaj kovertoj kaj vinjetoj pri Esperanto, Cervantes, klasikaj verkistoj, pripacaj, religiaj kaj plej diversaj temoj, sin proponas por interŝanĝi ekzemplerojn de tiu materialo aŭ korespondadi pri tiuj temoj. Bonvolu adresi viajn leterojn kun konkretaj proponoj al s-ro. Francisco Muñoz Ayala; Apartado 1137, 03080-Alicante. Hispanio.




Kadre de la 12-a Internacia Literatura Forumo pri literatura kritiko en Esperanto (Barcelono, 17-21 de julio, 1993, organizantoj: *Literatura Foiro* kaj *Kataluna Esperanto-Asocio*, oni ekskursis al la monaĥejo Montserrat kaj al la Hispana Muzeo de Esperanto la 20an de julio. Post agrabla tagmanĝo en proksima restoracio, ĉirkaŭ dudek kvin partoprenintoj vizitis la muzeon kaj spertis la varman akcepton de gesinjoroj Hernandez Yzal. La muzeestro ĉiceronis la agrable surprizitajn vizitantojn tra la senfinaj bretoj kaj riĉaj librokolektoj. La ĝenerala impreso ne povis ne superi la plej optimismajn antaŭvidojn. Multaj esperis ian polvo-plenan ŝimejon, kaj tamen trovis vivantan, superban bibliotekon.

Poste, pluraj literatoroj prezentis siajn ĵus aperintajn verkojn *Poemo de Utnoa* (Abel Montagut) kaj *Ibere libere* (Gon-çalo Neves, Georgo Kamaĉo, Miguel Fernández kaj Liven Dek; tamen, sen la ĉeesto de la lasta kunaŭtoro). Tiu prezento inklusivis deklamadon de poemoj kaj publikajn demandojn al la aŭtoroj.

Fine, gesinjoroj Hernández Yzal malavare regalis la ĉeestantojn per ĉampano (!) kaj frandaĵoj. Entute, tre plaĉa posttagmezo kaj refarenda vizito. Laŭklaĉe, gesinjoroj Hernández Yzal same varme akceptas ĉiujn vizitantojn...

Ĉu vi ankoraŭ ne iris al la Hispana Muzeo de Esperanto, str. D-ro Zamenhof, 12, 08739-Sant Pau d' Ordal (Barcelono)? Do, ek al vizit'!

*Antonio Valen*

## Senpaga kongresa numero de "Heroldo"

Ni informas al nia legantaro, ke la duobla aŭtuna numero de "Heroldo de Esperanto", kun detala ilustrita raporto pri la Universala Kongreso en Valencio, estos ekspedata senpage al ĉiu, kiu petos ĝin per simpla postkarto al la Redakcio de: "Heroldo de Esperanto"; Via Sandre, 15. I-10078 Venaria Reale (Torino). ITALIO.

# Viglas la movado

## Pola Radio raportis pri la UK

Ĉiutage, la esperantistoj kiuj ne povis veni al Valencio, ricevis koncizajn raportojn pri la okazantaj programeroj de la Kongreso, kaj pli poste, dum la tutaj aŭgusto kaj septembro, en la semajnfinaj elsendoj vendrede kaj dimanĉe je la 22,30 h. (mezonde 200 m.=1503 kHz) kaj ankaŭ vendrede kaj sabate je la 15,30 h. (kurt-onde 31,41 kaj 49 m.). oni aŭdigis sonscenojn pri la Kongreso kaj intervjuojn kun multaj kongresanoj. La raportoj komenciĝis per intervjuo kun la prezidanto de la LKK Aŭgusto Casquero de la Cruz.

## Koncertoj de "SOLO"

En la marko de la Valencia UK okazis du koncertoj de la andaluza kantisto Eduardo Vargas "SOLO", kiu plurfoje jam koncertis en Esperanto-aranĝoj, pasintjare en Merido dum la HEF-kongreso.

Eduardo Vargas per siaj voĉo kaj sintezilo kreas novan sonmondon, kiun oni povus difini: nek roka, nek popa, nek klasika. Li komencis la unuan koncerton per la tre konata "Bolero" de M. Ravel, kaj atingis sufiĉe dignan elektro-version. Poste, li sin turnis al pli arab- aŭ ital-stilspecaj kantoj, kies tekstoj foje ne estas facile kompreneblaj -eble sian andaluzan akcenton li ankoraŭ ne sufiĉe forprenis dum la esperantlingva kantado. Li apoteoze finis per sintezila kantado de poemo de Miguel Fernández en sent-frapiga kaj filmeca sinsekvo de ritmoj. La publiko respondis kun granda aplaŭdo kaj la belaj sonoj restis profunde en ĝiaj oreloj.

## Afrika agado

Okazis kunsido pri tiu agado. La UEA-gvidanto, estrarano Hans Bakker, skizis la celojn de la afrikaj kunvenoj de la pasintaj kongresoj, de 1987 ĝis nun. Poste, la sola afrika kongresano, Leonardo Luena, el Angolo, parolis pri si, siaj klubo, urbo, lando. Multajn demandojn de ĉeestantoj li respondis, donante bildon pri la malfacilaj cirkonstancoj en Angolo, kaj pri la

kuraĝa pluagado de la tieaj esperantistoj, malgraŭ la civila milito. Portugala Esperanto-Asocio kaj UEA laŭeble subtenas ilin. Post tio, s-ino Annsibyll Kamphausen prezentis la historion de Afriko: kiel ĝia digna kaj sinproviza vivmaniero estas detruita en la lasta jarcento de fremdaj invadintoj. Afriko ne bezonas la helpon kiun invadintoj opinias taŭga. La ĉeestantoj ankoraŭ longe plu restadis en neformala interparolo. La giĉeto de UEA pri Afriko bonvenigis ĉiujn, kiuj interesiĝis pri tiu agado.

**Kaj la ŝtelistoj estis kaptitaj...**

La 29an de Julio ĉ. la 21,30 h. la priŝtelintoj de kelkaj kongresanaj aŭtoj estis finfine kaptitaj: kongresanino rimarkis, ke suspektinda paro da nekongresanoj malfermas aŭton parkitan antaŭ la Muzika Palaco. Ŝi avertis la gardistinon de la kongresejo, kiu tuj vokis la policon kaj mem avertis kelkajn LKK-anojn. La LKK-ano José Pérez Sempere, heroe eksekvis la du malbonfarulojn je prudenta distanco ĉ. 200 m. Rapide alvenis al la palaco du motorciklaj policanoj, kiuj indikite de la deĵorantino sekvis s-ron Sempere, kiu kaŝite malantaŭ arbo almontris al ili la lokon kie trankvile la ŝtelistoj sidis. La policanoj arestis ilin.

**Kuriero trafa kaj akurata**

La ses numeroj de la kongresa kuriero, sub la nomo *Valencia Suno* ne nur informis la kongresanojn trafe kaj akurate, sed ankaŭ grafike bele, danke al la silenta laboro de du bravaj junuloj: la sekretario de HEF, Marcos Cruz, kaj nia portugala samideano António Martíns

**Profita aŭkcio**

Ĉi-jare la aŭkcio liveris bonegan rezulton: 158.520 pesetojn. Vere rekorda! La plej altan prezon (8000 ptojn) oni pagis por la libro *Eterna bukedo* de Kalocsay, kaj T-ĉemizo de *Kontakto* kun aŭtografoj de H. Tonkin kaj J. Wells vendiĝis por 2400 ptoj.

**Amuza kvizo**

Vere sukcesa ero estis la kvizo, kiu, tre lerte kondukata de Georgo Kamaĉo, sukcesis kateni la atenton de la plenplena salono. La konkurson gajnis la teamo "Biere-ribele" formita de la italo Giulio Cappa, la hungaro Ertl István kaj la franca Ĵak Le Puil.

*El "Valencia Suno"*

---

## Atentu!

Poŝtkesto 714 en Santiago de Compostela ne plu validas. Ĉion koncernan oni sendu al Antonio Alonso Nuñez / Rosa, 26, 5°.C / 15701 Santiago de Compostela.

---



# Recenzoj

**Adamo kaj Eva**. János Sárközi. Malgranda romano por komen-cantoj. Ilustrita de Péter Péter. Eld.: Debrecena Bulteno, Debrecen, Hungario, 1993. 42 pĝ. Prezo: HUF 50 + afranko.

## LEGOLIBRO POR "SEKSERCADO" EN ESPERANTO

En 1983 aperis en MONATO (n-ro 11, pĝ. 10-11) mia artikolo titolita "Lingvolernado laŭ la horizontala metodo". Mi klarigis, ke tiu metodo estas ne nur la plej malnova metodo lerni fremdan lingvon sed, krome, ĝi estas tre simpla, malmultekosta kaj ege agrabla por lernanto kaj instruanto. Mi priskribis ĝin jene: "Kontraste kun la aŭtodidaktaj metodoj por unuopuloj, izoluloj kaj mizantropoj, kaj la diversspecaj grupaj metodoj (kursoj, staĝoj, seminarioj), la horizontala metodo estas ideala por duopo, do ĝi povas esti nomata ankaŭ la para aŭ, pli precize, gepara metodo. Kompreneble, por ne diskriminacii, oni povas aranĝi horizontalan lingvolernadon eventuale por virparoj aŭ inparoj laŭ la gusto de la partoprenantoj.

Bedaŭrinde, dum tuta jardeko post publikigo de mia artikolo, ne alvenis reagoj, ĉu favoraj, ĉu kritikaj, de esperant-lingvaj metodikistoj. Mi havis la impreson, ke ili intence ignoris aŭ tabuis mian kontribuaĵon al la Esperanta didaktiko. Unu leginto de la artikolo esprimis ŝokon, sed ĉar ŝi okupiĝas pri la Ĉe-metodo de instruado de Esperanto, mi suspektas, ke ŝi timis, ke popularigo kaj disvastigo de la horizontala metodo konkurencos je la malprofito de la Ĉe-metodo.

Lastatempe mi ricevis Esperantan legolibron por komencantoj, kiu igis min pensi, ke esperantistoj-pedagogoj finfine rekonas la valoron de la horizontala metodo aŭ almenaŭ konfesas, ke ĝi havas utilon. La recenzata libro havas la formon de romaneto, verkita per limigita vort-trezoro ĉerpita el la Baza Radikaro Oficiala ellaborita de Akademio de Esperanto.

Ĉi-speca lernilo konvenas por rekt-metoda instruado, ĉar nur Esperanto estas uzata; malestas etnolingvaj klarigoj kaj difinoj de vortoj.

Mi komencis mian recenzon per kelkaj vortoj pri la horizontala metodo, ĉar en la intrigo de la romaneto troviĝas ilustraĵo de la uzo de tiu metodo, kvankam ne estas aludo pri ĝia specifa nomo. Okazas renkontiĝo inter du

malsamnaciaj gejunuloj, Eva kaj Adamo. La 17-jara lernantino, kiu scias Esperanton, komencas instrui la lingvon al Adamo, 19-jara laboristo. La afero dekomence ne iras tro glate, ĉar Adamo nur celas gliti en la liton de Eva. Estante ankoraŭ virgo kaj ne povante superi la reziston de Eva, Adamo la unuan fojon renkontas fiaskon. La duan fojon, Eva montras sin malpli pudora, kaj Adamo trovas, kiel facile li povas fariĝi flua "seksperantisto", dank' al la horizontala metodo.

La publikigaĵo ne estas lingve sendifekta. Estas rekomendinde, ke antaŭ ol estos planita dua eldono, la teksto estu atente reviziita de kompetenta esperantisto, kiu ne estas hungarlingvulo, por elsarki ĉiujn hungarismojn kaj ĝustigi gramatikajn erarojn.

*Bernard GOLDEN*

---

# Barlastono vin atendas

De la 7a ĝis la 13a de aŭgusto 1993, okazis en la angla urbeto Barlastono, ĉe la pli granda urbo Stokontrento, la jam 33a Esperanta Somerlernejo. Gastigis la tridekon da partoprenantoj la kolegio *Wedgwood Memorial College*, ĉirkaŭata de la agrabla kaj ripoziga pluvverdo de la angla kamparo, kaj kies du ĉefaj konstruaĵoj prezentas ne nur komfortaj dormoĉambrojn kaj bonguste oftajn kaj abundajn manĝojn, sed ankaŭ tre taŭgajn klasejojn, seminariejojn kaj eĉ bibliotekon kun vasta kaj varia esperanto-fako.

Okazis kursoj en tri niveloj (A, B, kaj C por respektive komencantoj, progresantoj kaj progresintoj) gvidataj ĉefe de Tim Carr, Paul Gubbins kaj Georgo Kamaĉo kun la kelktaga kunlaboro de Perlo Beckhih kaj Kate Hall. En la tri kurs-niveloj la instruistoj uzis tre modernan materialon, zorge kaj profesie ellaboritan de Paul Gubbins surbaze de tekstoj aperintaj en la revuo *Monato*. Menciindas, ke la itala eldonejo *Edistudio* decidis eldoni lian internacian lernolibron de esperanto "*Kunvojaĝu*", kaj ke Flandra Esperanto-Ligo eldonos la materialon por la konversaciaj klasoj lige kun la apero ĉe FEL de la revuo *Monato*. La lernemuloj alvenis ne nur el Britujo: unu hispano, du genederlandanoj, unu francino, unu polino kaj du kubanoj tre internaciigis la somerlernejon konforme al la streboj kaj deziroj de la estro de la kolegio s-ro Derek Tatton. La kursanoj povis ankaŭ aliĝi laŭvole al la internaciaj ekzamenoj de ILEI kaj UEA.

Krome indas mencii la kulturan parton de la programo, kun projekcio de la filmo "*Angoroj*", prelegoj de Georgo Kamaĉo ("Ĉu verki aŭ ne verki... esperante?" kaj "Kion oni trovas en la tekstoj de persone"), Tim Carr ("La Sekretaj Sonetoj de Peter Peneter") kaj Marjorie Boulton ("Rondo Kato"), kaj kun deklamado kaj prezentado de propraj originalaj poemoj fare de Carr kaj Kamaĉo.

Laŭ la tradicio la somerlernejanoj vizitis la drinkejon La Verda Stelo, kie okazis simpla sed simpatia ceremonio. Fine, la lasta vespero estis kompreneble ankaŭ la festa kaj distra vespero post tiel programplena semajno: skeĉoj, kantoj, poemoj... kaj adiaŭa bufedo kiel kulmino de frandinde stomakdorlota gastigado.

Interesiĝantoj el ĉiuj landoj petu informojn rekte de: S-ro Derek Tatton (Esperanta Somerlernejo) / Wedgwood Memorial College / Barlaston Village / Stoke-on-Trent ST12 9DG / Britujo.

Por 1994 oni antaŭvidas la ĉeeston de elstara esperantisto: la originala poetino Krys Ungar, plurfoje premiita en internaciaj literaturaj konkursoj.

Bonvenon do al Barlastono!

*Ikslandano*

---

# Disputo pri litero de la hispana alfabeto

Post kvarjara disputo inter la hispana registaro kaj la Eŭropa Komunumo, jam survojas la solvo de problemo starigita pro la uzo en la informatiko de la hispana litero "ñ".

En la hispana lingvo abundas vortoj kun tiu litero de la hispana alfabeto, kaj la polemiko komenciĝis en 1989, kiam la Komisiono de la EK postulis de la Ministerio pri Industrio la nuligon de tri reĝaj dekretoj de 1985 pri normoj por informatikaj ekipaĵoj, kiuj postulis la ekziston de la litero en ĉiu klavaro.

La EK konsideris ke tiuj dekretoj kontraŭas la liberan cirkuladon de varoj en la komunumaj landoj. Momente, la tri dekretoj restas validaj kaj oni antaŭvidas novan dekreton, kun ununura artikolo, kiu nuligos la antaŭajn, kaj reafirmos la devon.

Kompreneble oni ne povas malpermesi, ke hispana konsumanto aĉetu eksterlandan komputilon sen tiu specifa litero, sed tiu-okaze, oni postulos, ke en tiuj komputiloj aperu averto al la konsumanto pri tiu manko. Se tiu averto ne aperas, oni povas peti la forigon de la varo, laŭ la hispanaj leĝoj pri protektado al la konsumantoj.



Kiam la problemo aperis, la EK defendis la artikolojn de la traktato de Romo, de la 30a ĝis la 36a, ambaŭ inkluzive, kiuj garantias, ke varo leĝe fabrikata en unu el la Komunumaj Landoj povas esti disvendata en la aliaj, kaj ke la uzo de normo por bremsi la importadon de varo estas kontraŭleĝa. La traktato de Romo ne enhavis artikolon defendantan ĉiun kulturon de la membroj de la Komunumo, sed post la traktato de Maastricht pri Eŭropa Unio, la afero povas solviĝi favore al Hispanio. La nova traktato, laŭ la artikolo 128, agnoskas ke la Komunumo kontribuos al favorado de la kulturo de la membro-ŝtatoj, respektante ilian nacian kaj regionan diversecon, elstarigante la komunan kulturan heredaĵon. Por tiu celo, la Konsilio, unuanime, alprenos decidon, ekskluzivante ĉiun harmoniigan normon.

Tiu defendo de la kulturo, figuranta en la IX-a titolo de la traktato pri Eŭropa Unio estas defendata de Hispanio antaŭ la Komunumo, ĉefe, kiam post konsulto al la Reĝa Akademio pri la Hispana Lingvo, tiu ĉi institucio, per oficiala informo de la 20a de januaro 1993, defendis la uzon de tiu litero. La informo komenciĝas rememorigante, ke la litero "ñ" estas uzata en la hispana lingvo ekde la 15a jc., kaj ankaŭ en la eŭska, galega kaj tagala lingvoj, kaj ĝi petas, ke tiu litero plu troviĝu en la klavaro de la skribmaŝinoj kaj komputiloj. Fine la informo konsilas al la hispana registaro la defendon de la litero, ĉar ĝi estas "heredaĵo ne nur de Hispanio, sed ankaŭ de ĉiuj hispanamerikaj landoj". La ministerio pri Kulturo opinias, ke la nova dekreto pri defendo de la "ñ" kaj aliaj karaktroj specifaj de la kastilia lingvo, tre baldaŭ pretos, kaj la EK akceptos la postulon de Hispanio pro kulturaj motivoj.

*Mª R. Urueña*

